# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

27a jaro MAJO-JUNIO 1975 N-ro 3




*Dimanĉmatene antaŭ la kongresejo.*

## IF HAVAS NOVAN VIZAĜON . . .

*Kiel jam anoncite, la prezo de la presado de la internacia bulteno estas tro alta en Francio kaj la budĝeto ne plu povis toleri pagi tiun altan sumon.*
*Sekve, nova presisto estis trovita en Nederlando. Tiu-ĉi bulteno estas la unua kun la nova aspekto. Vi rimarkos multajn ŝanĝojn; verda stelo, formato, dekstra marĝeno, papero, ktp, ktp . . .*
*Eble kelkaj el tiuj ŝanĝoj ne tro plaĉos al vi; eble vi akceptos aliajn pli volonte . . .*
*Kritikoj, rimarkoj, sugestoj . . . , ĉu estas utile rediri al vi ke ili estas tre dezirataj, ĉar ni volas fari ĉion por agrabligi la prezentadon.*
*Sed, ĉiukaze, ne forgesu ke dank' al la pli favora prezo de la nova presejo, vi retrovos la 6 bultenojn ĉiujare kaj, eĉ iufoje, pli ampleksan enhavon . . .*

*La Redaktoro*

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M)74, Wienerstrasse – 121, GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken – DK 9800 – Hjørring – DANIO

# Ekstrakto el la protokoloj de la publikaj kunsidoj estraro/komitato en Villach, 14. kaj 15.5.1975

1. La prezidanto malfermas la kunsidon kaj konatigas kelkajn sciigojn el la unua kunsido, nome:
   Ĉefkomitatano denove estas Kurt Greutert (Svisio). Tre salutinda decido por la kontinua laboro en la Federacio.
   Junularaj kromkomitatanoj estas Werner Heimlich (Germanio) kaj Ernst Quietensky (Aŭstrio).
   Speciala komisiono por varbado/informado starigita sub gvidado de Pierre Robiolle (Francio).

2. **Mandatkonstato**
   Ĉeestas entute 27 komitatanoj.

3. **Raporto de la Ĉefkomitatano**
   Li mencias siajn administrajn taskojn, sentas sin ligilo inter membroj/komitatanoj kaj estraro. Inter la kongresoj li laboras per cirkuleroj, informiloj, demandiloj. Dum la lasta periodo li sendis 14 paĝojn. Koresponde li diskutas kun estraro kaj komitatanoj. Subtenas la estraron en ĝia ekstera laboro. Kiel komitatano de UEA li havas multajn kontaktojn. Kunlaboris ekz. en starigo de la rezolucio, prizorgis tradukojn. Li trovis novan presejon por IF kaj esplore korespondis.

   La komitato akceptas la raporton per 21 voĉoj por, 1 sindeteno.

4. **Resumo de landaj jarraportoj**
   Verkis kaj laŭtlegis ĝin la vicprezidanto. Ĝi aparte aperas en IF. La prezidanto kore dankas la vicprezidanton pro tiu temporaba laboro, kiun li faris la unuan fojon. Ĉiuj legantoj kaj precipe gvidantoj kaj komitatanoj estas petataj, nepre eluzi la informojn kaj iniciatojn, kiujn oni povas ĉerpi el tiuj raportoj.

5. **Diskuto budĝeto 1976**
   La kasisto prezentis du proponojn A kaj B, kiuj inter si diferencas nur en la elspezoj por Internacia Fervojisto. La diferenco estas 3000 danaj kronoj. Laŭ pli alta propono A oni povus presi la stelon sur la titola paĝo en verda koloro, laŭ propono B ne. Evoluiĝas diskutado pri la demando, ĉu kun aŭ sen verda stelo, en kiu la plejmulto substrekas, ke necesas ŝpari. La komitato akceptas proponon B per 22 por, 3 kontraŭ.

6. **Diskuto kongreslokoj**
   Por 76 ne estas dubo. Por 77 ankoraŭ neniaj anoncoj.
   *D-ro Bacskai:* Multaj nin instigis organizi kongreson en 77 en Hungario. Tamen momente ne eblas inviti.
   *Narvala:* En Finnlando nur malgranda societo. Eble en 78 kun helpo de aliaj.
   *Dolapĉiev* esploros, ĉu eblas por 79 en Bulgario.
   *Prezidanto.* La ĉiujarajn kongresojn ni bezonas por povi plenumi niajn fakajn taskojn kaj progresigi niajn membrojn. Konstato: Nenia rezulto.

7. **Rilatoj al aliaj organizaĵoj**
   La prezidanto raportas unue pri la rilatoj al *FISAIC.* Oficiala reprezentanto estas inter ni. Li daŭre pliperfektiĝas en nia lingvo. La rilatoj en la plej multaj landoj estas bonaj.

*FISAIC* donas financan kaj moralan subtenon. Ni klopodu konservi tiun staton kaj nepre ne endanĝerigu ĝin.

Ĉe *UEA* IFEF havas la staton de Aliĝinta Faka Asocio, kiu donas al IFEF pli da rajtoj ol devoj kaj tute ne tuŝas la memstarecon de IFEF.
Laŭ la venonta UEA-statuto IFEF havos rajton je 3 komitatanoj A, kiuj plej bone povos observi kaj eĉ influi la agadon de UEA. Tiu nova statuto same kiel la ĝisnuna antaŭvidas ĉiuflankan neŭtralecon escepte sur lingva tereno. IFEF ĉiukaze iros sian vojon, kaj la estraro garantias ĝian neŭtralecon.

En *SAT* IFEF ne povas esti membro, ĉar SAT nur akceptas individuajn membrojn. Tie ni havas la staton de subtenanta asocio sen rektaj rilatoj.

La rilatoj al *sindikatoj* dependas de la situacio en la landoj. Principe bonaj rilatoj estas rekomendindaj, same kiel kun la koncernaj landaj asocioj de UEA.

8. **Kontaktkunveno en UK Kopenhago**
Ĝi okazos mardon, la 29an de julio 1975 tuttage. Maksimume 50 personoj povos partopreni. La vicĉefo de la pecaĵterminalo (plej granda en Danio) faros fakprelegon, poste vizito al la terminalo, komuna manĝo kaj plezuriga programo.

9. **Diversaĵoj**
9.1. *Decido rezolucio:* Post diskuto pri diversaj tekstŝanĝoj la definitiva teksto estas akceptita per 24 por, 1 kontraŭ.
9.2. *Libera diskutado:* D-ro Menabene sugestas veki interesiĝon de la publiko, de politikistoj k.s. La prezidanto respondas, ke en niaj kongresoj, ankaŭ ĉi tie en Villach tio multflanke estas farita.

## Plenkunsido 15.5.1975.

1. Komence la ĉeestantoj starante honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomojn la prezidanto laŭtlegas. Ili estis:

| | |
|---|---|
| Britio: | Cliff Parry |
| Danio: | Johano Christoffersen, P.C. Pedersen |
| Francio: | Maurice Mongeois |
| Germanio: | Anna Kappel, Richard König, Ernst Meirich, Anton Fath, Manfred Petelkau kaj la edzino de Otto Denk |
| Hungario: | Lajos Dér, Georgo Divald, Johano Juranyi |
| Italio: | Lucia Terrazzini |
| Jugoslavio: | Ludoviko Prebil, Branka Maksimoviĉ, Rudolf Vajdiĉ |
| Svedio: | Gösta Bolander |
| Svisio: | Henri Marten |

La prezidanto komunikas la oficialan nombron de kongresanoj = 675 el 20 landoj. Li dankas al la belgoj, kiuj dum la poŝtista striko grave helpis en la transportado de la presitaj "IF" el Francio al Belgio.
La norvega "Ekstrakto el la horaroj" nun ankaŭ enhavas klarigojn en Esperanto.

2. **Telegramoj, leteroj**
La sekretario laŭtlegas la sendintojn de multnombraj leteroj, el kiuj kelkaj tre gravas, nome de la ŝtatprezidanto, federacia kanceliero, parlamenta prezidanto, trafikministro, ĝeneral-

direktoro de la poŝto, ĝeneraldirektoro de ÖBB kaj kelkaj direktoroj el la estraro de ÖBB, prezidantoj de ÖBB-direkcioj Villach kaj Linz, reprezentantoj de DB, SNCF kaj FS, la ĝeneralsekretario de UN, Waldheim, fervojista sindikato, Internacia Esperanto-Muzeo Vieno k.a.

3. **Mandatkonstato**
Ĉeestas 27 komitatanoj.

4. **Konfirmoj**
La komitato konfirmas jenajn personojn:

Gvidanto kaj sekretario de la Terminara Komisiono restas la samaj:
L. Sekereŝ kaj J. Ladjeviĉ (Jugoslavio), 26 por, 1 sindeteno.

Gvidanto kaj sekretario de la Fakprelega Komisiono restas la samaj:
W. Brandenburg kaj O. Rösemann (Germanio), 25 por, 2 sindetenoj.

5. **Raportoj estraranaj**
*La kasisto* klarigas la diferencon inter profito kaj kurzgajno kaj ke kelkaj landoj ne ĝustatempe sukcesis kotizi.

*La sekretariino* mencias, ke la evoluo en Portugalio ne estas forta, tamen eta komenco.
Akceptita per 27 voĝoj.

6. **Revizora raporto**
*Thuesen:* Kalkulo en ordo, librotenado ekzamenita, protokoloj kaj korespondaĵoj ekzistas, laboro bone farita. Rekomendas akcepton. Akceptita per 27 voĉoj.
La prezidanto dankas pro la laboro de la revizoroj.

7. **Raportoj de la komisionoj** (la raportojn pri 7.1 ĝis 7.4 bv. legi aparte en IF)

7.1 *TK Ladjeviĉ* i.a. anoncas teknikan terminareton en Francio kun 5000 terminoj.
7.2 *FK Brandenburg* kritikas la nesufiĉan kunlaboron, mencias "Gvidliniojn", kiujn li verkis por la organizado de fakprelegoj.
7.3 *Junulara Sekcio Merlani:* Oni deziras al ŝi sukceson en ŝia malfacila tasko.
7.4 *UEA-komitatano A, D-ro Bácskai* forte laŭdas la agadon de la germanaj kolegoj en la UK Hamburg kaj speciale dum la "Fervojista Tago".
Ĉiujn 4 raportojn la komitato akceptas unuanime per 27 voĉoj.
7.5 *Komisiono pri varbado/informado, Robiolle*
La komisiono konsistas el 18 personoj kaj kunsidis 3 horojn. Anoncis sin 16 landoj por kunlaboro. Unua tasko estas trovi vojon kaj metodojn por la estonta laboro (komp. pkt 11 prop. 3).

8. **Konfirmo de kotizo 1976**
Nenia ŝanĝpropono. La jarkotizo restos la sama.
La komitato jesas per 27 voĉoj.

9. **Aprobo budĝetoj 1975 kaj 1976**
Budĝeto 75 akceptita per 24 voĉoj (24 kom-anoj ĉeestas)
Budĝeto 76 akceptita per 25 voĉoj (25 kom-anoj ĉeestas).

10. **Elekto de revizoroj**
Proponitaj estas: Ejgil Sörensen, Anders Klausen, Robert Mikkelsen,
kiel vicrevizoro Frederik Nielsen (ĉiuj Danio).
La komitato akceptas ilin per 27 voĉoj.

11. **Decidoj kongresproponoj**
*Propono 1 (Nederlando) LOK* komentarias la proponon, memorigas je starigo de la "Jubilea Fonduso" en Aarhus, akcentas, ke IFEF baziĝas sur solidareco kaj amikeco, opinias, ke sekve la mono de tiu fonduso estu transigata al ekz. la Japana Fonduso resp. oni kunigu ambaŭ sub novan nomon.
*Greutert:* substrekas, ke la donacintoj por la Jubilea Fonduso donis la monon por definita celo. Ili sentas sin trompitaj, se oni ŝanĝas la celon. Pro tio li kontraŭstaras kaj malakceptas.
*La sekretario* klarigas, ke la Jubilea Fonduso ekskluzive estis destinita por uzo flanke de la estraro. Kaze ke oni ŝanĝos ĝin en Ĝeneralan Fonduson, ĝi povos esti uzata en la intereso de tuta IFEF. Oni povus saĝe preni iom por la Japana Fonduso, sed konservi reston por aliaj celoj. La sekretario demandas la komitaton, ĉu ili povus konsenti, ke la estraro el si mem donos certan sumon el la jubilea al la japana fonduso. Tio certe estus en la senco ankaŭ de Lok.
*Labordus* reprenas la proponon kaj petas la estraron, trovi kiel eble plej taŭgan solvon.
Ĉar FERN reprenis la proponon 1, ne necesas voĉdono.

*Propono 2 (Francio)*
*Robiolle:* Ni konstatis dum la longaj ĉiuflankaj diskutoj de tiu propono, ke la plimulto de la komitato malaprobas tiun projekton. Nedezirante pluajn senfruktajn diskutojn, FFEA reprenas la proponon. (Aplaŭdo).

Post repreno de kongrespropono 2 ne necesas voĉdoni.

*Propono 3 (Francio)*
*Prezidanto.* Ĉi tiu propono rilate al la temo "varbado/informado" efektive jam estas realigita en ĉi tiu kongreso per nova komisiono sub gvidado de Robiolle. Ĝi respondecas al estraro/komitato kaj estas starigita provizore por du jaroj.
*Narvala* salutas la principon, tamen petas ne fondi plurajn komisionojn, ĉar troŝarĝo de unuopuloj.
*Gimelli* apogas la komisionon.
*Brandenburg* apogas, aŭdis multajn novaĵojn en la nova komisiono, opinias ke ne en ĉiu lando devas esti respondeculo.
*Prezidanto.* La estraro klopodos eviti samtempajn kunsidojn por ne tro ŝarĝi ĉiam la samajn personojn.
Voĉdonado = 25 por, 2 sindetenoj.

*Propono 4 (Francio)*
Robiolle klarigas sencon kaj metodon de la propono, precipe ke ne temas pri reto de kunlaborantoj, sed ke nur unu persono, nome kolego Giovenal (Francio) prizorgos la centron. La propono ankaŭ povus senŝarĝigi la sekretariejon.
*La prezidanto* sugestas, regule aperigi en IF ĉiam saman noton, ekz. "Internacia Koresponda Servo de IFEF, turnu vin al . . . . . ".

*Giovenal* klarigas la funkcimanieron de la Internacia Koresponda Servo, kiu ŝajnas esti vere akceptebla.
*Labordus* petas forstreki la 3an alineon de la propono.
*La prezidanto* same rekomendas forstreki.

Post diskuto oni instigas, ke la landaj asocioj trovu metodojn informi siajn membrojn pri tiu servo (ekz. per landa organo), sed krome konstanta noto en IF. Tio komplete superfluigas la landan "respondeculon". Necesas forstreki la 3an alineon.

Al respektiva demando la prezidanto respondas, ke en la pasinta kongreso ni decidis, ke oni povas fari amendojn, kiuj ne ŝanĝas la sencon de la propono. Jen temas pri amendo, kiu ankaŭ ne tuŝas la sencon.

Francio reprenas la 3an alineon. Sen ĝi la propono estas akceptita de la komitato, per 23 voĉoj por, 2 kontraŭ, 2 sindetenoj.

*Propono 5 (Polio)*
La ĉefkomitatano komentarias ĝin. La vera situacio en Polio ne estas konata al ni. La akuzojn flanke de niaj polaj kolegoj ni konas, sed ne konas la opinion de Pola Esperanto-Asocio. Ni skribis al PEA, respondo ne jam venis. Ni esperas povi esplori la situacion. Necesas do unue koni ĉiujn kaŭzojn. Rekomendas hodiaŭ ne akcepti tiun proponon, sed doni al la estraro tempon por trovi kontentigan solvon.
Voĉdono = 23 kontraŭ, 4 sindetenoj – malakceptita.

Rimarkigo: Post la kongreso venis unua respondo de PEA, kiu verŝajne enkondukas kontentigan solvon.

12. **Elekto de kongreslokoj 1976 kaj 1977**
*Förslund* definitive invitas la 28an kongreson al Skelleftea (Svedio), dato: 12a ĝis 18a de junio. (Aplaŭdo).
Komitato akceptas unuanime per 27 voĉoj.

*Prezidanto.* Ĝis nun ne anoncis sin landa asocio, kiu provos inviti por 77. Hungario ne jam povas diri ion certan. La reprezentanto de FISAIC, G. Gilles (Belgio) komisiis min, hodiaŭ komuniki, ke li klopodos havigi la konsenton de la belgaj instancoj por 77. La rezulton ni havos antaŭvideble en julio. Tion ni atendu.

13. **Varbado**
*Ĉefkomitatano* petas, ke la kunsido(j) de la nova komisiono estu en la oficiala programo de la kongreso (komp. supre pkt 11 prop. 3 lastan frazon).
*Prezidanto.* Ni priptraktos tion kun la komisiona gvidanto kaj kun LKK.

*Historio*
*Prezidanto.* Intertempe kelkaj landaj asocioj jam liveris taŭgajn kontribuaĵojn. Kelkaj veteranoj intencas kunlabori. Ni eldonu la historion en taŭga momento, ekz. jubileo. Grave estas, kolekti materialon dum la nunaj jaroj. La landaj asocioj nepre observu, ke ilia respondeculo kolektas materialon.

14. **Informoj – diversaĵoj**
*Prezidanto* atentigas je "Esperanto en perspektivo", fundamenta verko. Kiam oni mendas minimume 3 ekz. oni ricevas rabaton de 30%.

*La ĉefkomitatano* atentigas pri rezolucio (ankaŭ en franca, germana, itala kaj slovena lingvoj) kaj petas nepre utiligi la rezolucion.

La Prezidanto fermas la kunsidon.

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

## INFORMSERVO DE LA 27-a IFEF-KONGRESO

**Aldonaj informoj al la kongresa bulteno:**




Kongrespartoprenintoj: 675 (laŭ aliĝo: 708) el 20 landoj: Aŭstrio, Belgio, Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Finnlando, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio, Pollando, Svedio, Svisio (Japanio kaj Kameruno).

"MISS ESPERANTO" elektita de la juĝkomisiono piedpilkteamo de SPARDA Villach: f-ino Erika LANDGRAF – Germanio (ric. pokalon de la aŭstria ferv. sindikato).

Jen la gajnintoj de la oratora konkuro: f-ino Mirelle Merlani – Italio (pokalon de la federacia kanceliero d-ro Bruno KREISKY), s-ino Margret BRANDENBURG – Germanio (kristalujon de la trafikministro Erwin LANC), s-ino Metje van LEEUWEN – Nederlando (pokalon de la laborista ĉambro Linz), s-ino Lina GABRIELLI – Italio (pokalon de la laborista ĉambro Klagenfurt), s-ro Eduard TVAROŽEK – Ĉeĥoslovakio (pokalon de la 1-a parlamentprezidanto Anton BENYA), s-ro Arthur BENDERS – Germanio (pokalon de la 3-a parlamentprezidanto Otto PROBST) kaj lignajn blazontelerojn ricevis la s-roj K.G. de JONG – Nederlando kaj Ladislav FIALA – Ĉeĥoslovakio.

Belajn memordonacojn ricevis: a) la tri plej maljunulinoj: s-ino Ljubica STEFAN-NOVOSEL – Jugoslavio, s-ino . . . (ne konata, ĉar ŝi donis malĝustan kongr. nr.), s-ino Maria VILA MAS – Hispanio; b) kiel plej maljuna s-ro Horace James CLAYTON – Britio; c) kiel naskiĝtaga jubileo: s-ino Gulli SVENSSON – Svedio kaj d) f-ino . . . kiel la plej junulo.

La piedpilkludo IFEF-teamo (el 7 nacioj) kontraŭ SPARDA-Villach, kiu gajnis la pokalon de Sparda Linz, la rezultato 3 : 6.

Publikaj raportoj pri la 27-a IFEF-Kongreso kaj Esperanto en la gazetaro: 869 linioj germanlingve kaj 73 linioj esperantlingve kaj en radio resp. televido dum 39 minutoj.

La liglandestro de Karintio kaj la urbestro de Villach akceptis ĉiujn kongresanojn kaj bone regalis ilin. Se vi ĉeestinto estis kontenta pri tio – bv. skribi kelkajn liniojn kiel dankesprimo al a) s-ro Landeshauptmann, Leopold WAGNER, Landhaus, A-9010 Klagenfurt kaj b) s-ro Bürgermeister Ing., Josef RESCH, Rathaus, A-9500 Villach.

LKK-informservo petegas alsendon de ĉiuajn publikaĵojn, kiuj koncernas la 27-an Kongreson de IFEF ĉu naci- aŭ esperantlingve, d a n k o n !

J. Geroldinger

## Resumo kaj komentario pri la jarraportoj de la landaj asocioj de INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO pri la jaro 1974

Finfine 18 el niaj 20 landaj asocioj ensendis siajn jarraportojn. Ne atingis min la raportoj de Bulgario kaj Rumanio. Ĝoje mi konstatas ke J.E.L.F., nia japana asocio konscience verkis kaj ensendis la raporton, montrante ke ĝi vere deziras aparteni al nia internacia federacio.

La ciferoj de la pagitaj kotizoj montras ke la membraro kreskis je 55 membroj ĝis 2974, do certe dum ĉi tiu jaro ni atingos la ciferon 3000. Rimarkinde estas la kelkfoje grandaj diferencoj inter la ciferoj de la jarraporto kaj tiuj de la pagitaj kotizoj. Bedaŭrinde estas ankaŭ ke kelkaj landaj asocioj ne povas pagi la I.F.E.F.-kotizon por ĉiuj membroj ekz. Jugoslavio havas pli ol 300 membroj sed pagas nur 60 I.F.E.F.-kotizojn.

**21. Landaj estraroj, membraro, organoj.**

**21.2 Estraroj.** El la raportoj mi ne povis konstati ŝanĝojn en la landaj estraroj. Mi ĉi tie volas akcenti la iomete strangan situacion en Pollando, kiun mi ankoraŭ esploros.

**21.2 Organoj.** Bedaŭrinde estas ke perdis sian publikigeblecon Finnlando pro la ne plu apero de la faka revuo.

**23. Evoluo de rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.**

**23.3 Rilatoj kun la kulturaj organizaĵoj resp. F.I.S.A.I.C.-sekcioj**
Tiuj rilatoj estas ege bonaj en: Danio, kiu havas laŭdajn vortojn, Francio, Italio, Nederlando kaj Svedio; bonaj ili estas en Aŭstrio, Belgio, Finnlando, Germanio (kvankam ne ĉiam glataj!), Hispanio, Jugoslavio kaj Svisio; ne bonaj resp. ne intensaj ili estas en Ĉeĥoslovakio, Norvegio kaj Pollando. Rilatoj ne ekzistas en Britio, Hungario kaj Japanio.

**24. Kunlaboro/Rilatoj kun aliaj esp. organizaĵoj.**

**24.1 Rilatoj al neŭtrala landa asocio.**
Tre bonaj rilatoj ekzistas en Aŭstrio, Danio (pro personaj ligoj en la estraro), Germanio (mi nur memorigas la kunlaboron dum la kongreso en Hamburgo), Italio, Japanio (intensaj kontaktoj ankaŭ pro personaj ligoj en estraroj) kaj Norvegio.
Bonajn rilatojn ni vidas en Belgio, Britio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Francio, Hispanio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando, Svedio kaj Svisio.
Nur malbonaj estas la rilatoj en Pollando, ne mirige post kio mi raportis pri la situacio en tiu lando!

**24.2 Rilatoj kun S.A.T.**
Tute ne ekzistas rilatoj en Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Jugoslavio kaj Pollando. Plej ofte en ĉi tiuj landoj ne ekzistas S.A.T.-grupoj.
Bonaj rilatoj ekzistas en: Belgio, Britio kaj Nederlando kie multaj fervojistoj estas individuaj membroj de S.A.T.-grupoj.

Nur malregulaj kontaktoj ekzistas en Danio, Francio, Germanio, Svedio kaj Svisio, ofte depende de lokaj cirkonstancoj.
En Norvegio ne ekzistas S.A.T.-grupo sed tamen N.E.F.A. estas rekte ano de S.A.T.!

**24.3 Kontaktoj kun aliaj landaj Esp.-organizaĵoj**

Pri regulaj kontaktoj tiusence nur raportas: Aŭstrio, Belgio, Hispanio kaj Svisio; Kontaktojn kun poŝtistoj resp. la instruistoj havas: Francio kaj Germanio. Menciinde estas la kunlaboro en Svisio okaze de la organizado de Eŭropa Feria Semajno.

**25. Informado**

**25.2.0 Publikigo de gazetartikoloj**

Mi nombris el la raportoj 361 artikoloj (1972: 270; 1973: 381) el kiuj mi nur mencias: Germanio 148 kaj Svisio 48 artikoloj.
Francio ne diras nombron sed tamen mencias la regulajn publikaĵojn en "La Vie du Rail". Mi nur atentigas ke la menciitaj nombroj havas ege relativan valoron.

**25.2.01 Aplikado de la kongresa gazetara servo**

Ĉiuj landoj respondis: "jes, ni uzis ĝin" escepte Danio kaj Japanio.

**25.2.02 Rimarkoj pri la gazetara servo**

Kelkaj landoj preferas ke la kongresa gazeto aperu ĉiutage aŭ minimume 3 aŭ 4 foje dum la kongressemajno anstataŭ kiel en Tarragona, nur je la lasta kongrestago. Italio kaj Hispanio petas pli ampleksan bultenon, Hungario, denove, deziras pli detalan raporton pri la oficialaj paroladoj. Germanio volas sendi la bultenon ankaŭ al interesuloj kiuj ne partoprenis la kongreson. Elparolas laŭdon: Italio, Jugoslavio kaj Norvegio.

**25.02.03 Apliko de la kongresa rezolucio**

Fakte la rezultoj de la kunmeto, la traduko kaj la aperigado de la kongresa rezolucio ne estas kuraĝiga! Ni ĝojas pro la fakto ke 11 landoj prenis la taskon traduki ĝin en la naciajn lingvojn kaj 8 landoj sendis ĝin al unu aŭ pli da instancoj. La teksto aperis en minimume 9 landoj en fakaj revuoj, sindikataj gazetoj aŭ Esperanto-revuoj. Sed neniu lando povas mencii iun reagon.

**25.2.1 Publikigo de faka prelego "RENFE"**

Malgraŭ la peto respondi ĉi tiun demandon laŭ la tabelo en la demandilo nur 3 landoj respondis tiumaniere (Britio, Svedio, Svisio). La priskriboj de la aliaj respondoj ege malfaciligis al mi akiri klaran superrigardon. Mi konstatis ke Germanio plej ofte eluzis la tekston de la fakprelego same en la originala kiel en germana lingvoj. La (tiama) personar-revuo "Sozialblatt" kaj la sindikataj gazetoj publikigis la tekston. Menciinde estas ankaŭ ke G.E.F.A. ricevis apartan laŭdon pro la aktualeco de la fakprelega temo de la flanko de la oficiala Dokumenta Servo de DB. Ankaŭ menciinde estas uzado en Norvegio kie nia komitatano kvarfoje prelegis kun lumbildoj pri la fakprelega temo.
Cetere en diversaj landoj la fakprelego estis menciita en Esperanto-revuoj aŭ/kaj en nacilingvaj fakaj revuoj kaj kelkfoje ankaŭ en aliaj (nacilingvaj) gazetoj.

**25.2.1.1 Aliaj fakprelegoj**

Mencias aliaj fakprelegoj: Ĉeĥoslovakio, Germanio, Hungario, Pollando kaj Svisio.

Germanio raportas pri la fervojista tago dum la U.E.A.-kongreso en Hamburgo kie prelegis k-go Ritterspach kaj dum kiu okazis faka ekskurso al la kontenera terminalo. Partoprenis 80 fervojistoj el 9 landoj.

**25.2.2 Agadraporto al la fervoja administracio**

Pli aŭ malpli regule raportas: Francio, Nederlando, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio, Pollando kaj Svisio.
Francio kaj Nederlando raportas pere de la FISAIC-organizaĵoj; Germanio raportas nerekte per invitoj al la koncernaj aŭtoritatuloj por kunvenoj. Nur sendas la gazeton aŭ bultenon: Aŭstrio kaj Japanio.

**25.2.3 Agadraporto al la sindikatoj**

Raportas regule: Hungario, Jugoslavio, Norvegio, Pollando kaj Svisio. Pere de la gazeto aŭ bulteno: Aŭstrio, Germanio, Japanio kaj Danio.

**25.2.4 Radio- aŭ televido-prezentaĵoj**

Okazis en: Aŭstrio (venonta kongreso), Belgio (tago de Esperanto filmo), Germanio, Hispanio (26a I.F.E.F.-kongreso!), Italio, Jugoslavio, Svisio.

**25.3 Ekspozicioj**

Organizis ekspoziciojn aŭ kunlaboris en ili: Belgio (2 x 400 vizitantojn) Danio (100 viz.), Finnlando, Germanio (4 x 1200 viz.), Hungario, Italio, Japanio, Pollando kaj Svedio.

**25.3.1 Informado en la deĵorejoj**

En la plejgranda parto el niaj landaj asocioj (11) tio okazas sed tamen estas granda diverseco en la intenseco kaj la rimedoj: kelkfoje nur en certaj deĵorejoj, nur okaze de certaj eventoj; kelkfoje per sendado de la normalaj aŭ specialaj bultenoj aŭ informiloj, alifoje pere de artikoletoj en ekzistantaj personarorganoj (landaj aŭ lokaj), kelkfoje per afiŝado k.t.p. Ĉefe: tiu varbmetodo estas multe uzata, de tempo al tempo la fervojistaro rimarkas ke Esperanto vivas.

**25.4 Distribuado de varbiloj**

Entute 11 landaj asocioj utiligis unu aŭ pli da rimedoj por varbi kursanojn/membrojn. Ili ĉiuj disdonis afiŝojn. La lokaj grupoj de la landaj asocioj ofte prizorgas la varbadon pere de flugfolioj aŭ broŝuroj.

**25.5 Jarkunvenoj de la landaj asocioj**

Mi konstatis ke dum la jaro 1974a 16 landaj asocioj okazigis jarkunvenon jes aŭ ne samtempe kun aliaj Esp.-organizaĵoj.
Jugoslavio ne raportis pri 1974a sed nur mencias la jarkunvenon en 1975a! Mi nombris ĉirkaŭ 650 partoprenintojn kaj preskaŭ en ĉiuj jarkunvenoj ĉeestis unu aŭ pli eksterlandaj gastoj. *Ne* en Finnlando, Hispanio kaj Japanio! Kelkaj naciaj jarkunvenoj estis bone frekventitaj de eksterlandanoj, mi mencias: Belgio, Francio, Germanio (el naŭ landoj!), Nederlando.

**26. Junulara agado**

Tio fakte estas trista afero en nia federacio!
Sed unue la ege optimisma sono de Japanio kiu raportas: "Ĉar preskaŭ ĉiuj membroj

estas junaj ni ne aparte organizas junulaktivecojn". La eŭropaj asocioj ankaŭ ne aranĝas sed pro la fakto ke ili *ne* havas junulojn. En Italio ili laboras en T.E.J.O., en Germanio nur incidente estas aranĝoj kvankam tie estas aparta komisiito en la estraro.

**27. Varbado**

La raportoj certe ne alportas novajn perspektivojn: Mi nur trovis la malnovajn jam dumlonge provitajn metodojn: buŝa propagando, afiŝoj, artikoletoj en faka gazetaro, apartaj komunikiloj aŭ bultenoj, kursoj (buŝaj kaj perkorespondaj). Specialaj aranĝoj kiel ekz. E.F.S. ankaŭ estas varbmetodo. Pri la rezultoj preskaŭ ĉiu estas modesta ne nur la itala asocio kiu raportas ke ili gajnas *dekojn* da novaj membroj, sed, la raportinto aldonas: ili anstataŭas la dekojn kiuj forlasas la movadon pro maljuneco!

**28. Terminara laboro**

Ĝenerala impreso estas ke nur kelkaj vere intense laboras pri tiu temo. Estas ege malfacila tasko trovi kunlaborantojn kapablaj kaj pretaj labori dum multaj jaroj laŭ la sama ondolongo kiel la gvidantaj personoj en tiu fako. Dum la pasinta jaro nenio okazis sur ĉi tiu tereno en la landoj: Aŭstrio, Belgio, Britio, Hispanio, Italio kaj Nederlando.

a) Laboris pri U.I.C. leksikono:
Finnlando, Francio, Germanio, Hungario, Jugoslavio, Norvegio kaj Svedio.
b) Terminareton jam eldonis: Germanio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando kaj Norvegio.
Svedio eldonos ĝin en 1976a dum la I.F.E.F.-kongreso en Skelleftea. Laboras pri tiu terminareto ankoraŭ: Francio kaj Japanio.
c) Traduko de internaciaj konvencioj:
Finnlando laboris pri la traduko de Kajero I de la T.C.V.-tarifo;
Francio mencias revizian laboron (kunlaboras ankaŭ kgo. Bipp el Svislando).
d) Francio kaj Svedio faris proponojn/sugestojn al la prezidanto de TK.
Pollando laboras pri speciala fervoja-turista terminareto.

**101. Diversaĵoj**

| | |
|---|---|
| Aŭstrio: | Multe da laboro por la organizado de la I.F.E.F.-kongreso en Villach kaj pro tio la atento de multaj eminentuloj estis vekita por nia afero. |
| Ĉeĥoslovakio: | La junularo estas preta denove organizi skisemajnon. |
| Finnlando: | Ŝanĝiĝo de la statutoj ebligos ke ankaŭ familianoj povos aniĝi. |
| Hispanio: | Organizis loterion pro kiu oni gajnis monon kaj Esperanto fariĝis konata inter multaj fervojistoj. |
| Hungario: | La Esperanto-teksto denove aperis en la horartabelo de M.A.V.; kelkaj landaj renkontoj bone sukcesis pro vizito de eksterlandaj gastoj. |
| Italio: | La 6a Trilanda renkontiĝo okazis en Venecio sub gvidado de nia kolego Tarlindano; denove uzado de Esperanto en la itala horartabelo. |
| Jugoslavio: | La internacia skisemajno okazis apud Maribor en januaro 1974 (32 gepartoprenintoj el 6 landoj). |
| Nederlando: | La grupo Zwolle finfine sukcesis, post multjara laboro, kolekti sufiĉe da mono por starigi Esperanto-monumenton en la urbo. |
| Pollando: | Esperanto-teksto en la horartabelo. |
| Svedio: | Mencias la fakton ke la nombro de fervojistoj grave malpliiĝis dum la lastaj dekoj da jaroj. La estraro de Svedio estas scivola kiel alta estas la mezaĝo de la membraro de I.F.E.F. |

Svisio: La 15an Eŭropan Ferian Semajnon (apud Lugano) partoprenis 87 personoj el 11 landoj; denove bona sukceso.

Kvankam sufiĉe ampleksaj la antaŭaj paĝoj nur enhavas kelkajn ĉefajn aŭ rimarkindajn erojn el la 18 landaj raportoj kiujn mi tralegis.

Tiuj landaj raportoj estas priverkitaj de la respektivaj respondeculoj kun grandaj zorgoj kaj mi esperas ke vi utiligos ilin laŭ tiu senco.

Trastudu ilin kaj profitu pri la spertoj de viaj fratasocioj.

Amsterdam, aprilo 1975

la kompilinto,
W. L. van Leeuwen.

△△△△△△△△△△△△△△△△△△△△△

## ANKAŬ LA POSTKONGRESO BONSUKCESIS

Estis vere saĝa decido de niaj Salzburgaj kolegoj Toni Huber kaj Adolf Steidel, helpataj de bonvolaj gesamideanoj, inviti al postkongreso. 180 anoj el 12 landoj sekvis la inviton, eta parto tion certe faris por rememori la urbon de la dua IFEF-kongreso, nin ceterajn allogis la bonfamo de la "urbo de muzik-festivaloj".
Aro da helpemaj Salzburganoj akceptis ĉe la stacidoma kajo la gastojn, por pli aŭ malpli rapide konduki ilin al hoteloj. Unua gratulo por la bona elekto de hoteloj, ni loĝis en mondfama urbo, ĉe sama komforto eĉ malplikoste ol en Villach. "Fervojistoj ludas por fervojistoj", unua programero vespere. La multnombra, majstre gvidita fervoja blovorkestro prezentis riĉan programon, de uverturo al fantazio, al ŝatataj vienaj valsoj. La aplaŭdado rezultis du aldonojn kaj dum hejmeniro la melodioj zumis en niaj kapoj.
Akurate forkondukis 4 aŭtobusoj dimanĉmatene la anaron al Salzkammergut. Brila vetero, bonhumora vojaĝantaro, tiel ni veturis tra rava regiono, al belvidejo ĉe lago, pluen al Hallstätterlago, al Hallstadt, por tagmanĝo. De tie al mondfama Wolfgang-lago, al ofte prikantita vilaĝo St. Wolfgang. Domaĝe, ke homamasegoj iom malhelpis, sed kiu pro tio estus volonte nevidi St. Wolfgang. Laŭlonge de Mond-lago al Salzburg.
La programo invitis al "plezura vespero" en Gablerbräu. Nu, tian vesperon oni ja antaŭimagis al si por Salzburg. Bela, granda kela restoracio, folklora muziko, dancado, babilado. Nu, pli ĝuis la okuloj tiun aranĝon ol la streĉitaj orelnervoj!
Lunde Salsburganoj gvidas tra plej belaj stratoj al plej interesaj lokoj. Tiam lifte supren, promenado sur la altaĵo, kun belvido al urbo kaj rivero Salzach, ĝis la famkonata fortikaĵo. Pluen al kastelo Hellbrunn, por ĝui (ne sole vidi, sed senti) la akvoludojn. En la vasta parko kastela ni perdiĝis kaj videble la postkongreso estis per tio finita. Por ni lastaj gastoj restis ankoraŭ tago por viziti la fortikaĵon kaj la salminejon de Berchtesgaden. Fine nin hejmenportis la komforta trajno Montfort. Gratulon al la organizintoj, dankon al ĉiuj por la majstra prizorgado, vere "Salzburg meritas viziton".

Walder.

## RAPORTO DE KOMITATANO "A" DE UEA

Jam de jaroj estas kutimo, mallonge raporti al la kongresanoj pri la laboro de komitatano A por IFEF. Ĉiukaze unue mi dankas vian fidon, kiu montras, ke vi reelektis min pasintjare en Tarragona.
Tute mallonge: estas konate, ke la universala kongreso okazis pasintjare en Hamburgo. Ĝin partoprenis nia prezidanto, ĉefkomitatano, kaj inter multaj IFEF-anoj ankaŭ mi. Pri la kongreso mem vi ĝenerale estas informitaj, sed nepre necesas paroli iom pli detale pri la bonega laboro de GEFA, kies anoj senlace laboris dum la tuta kongreso.
La bonege organizita laboro ebligis ke la giĉeto de la fervojistoj laboris ne nur rezultohave, sed modele, ĉar la deĵorantoj krom iliaj fakaj taskoj transprenis ofte la laboron de LKK-anoj kaj helpis multflanke solvi la problemojn diversajn de la kongresanoj.

La tiel nomata "kontakta kunveno" – pli ĝuste la "fervojista tago" vere estis elstara programero de la kongreso. La fakprelego akompanata per filmo kaj la faka ekskurso al la Contener-Terminalo kun detalaj klarigoj kaj la prezentado de la pezaĵ-ekspedado certigis bonegajn fakspertojn al la partoprenantoj.
La altrangulaj partoprenantoj flanke de la fervojo, sindikato, urbestraro vere kun sincera rekono informiĝis pri nia faka laboro. Do, mi nur ĝoje povas konstati, ke kiel jam en Vieno kaj en aliaj Universalaj kongresoj okazis jam de jaroj, denove bone reliefiĝis nia faka laboro en la kadro de Universala kongreso.

Multe mi esperas, ke ankaŭ en Kopenhago okazos same, ĉar niaj danaj gekolegoj jam informis nin pri la preparlaboro. Estas dezirinde kiel eble plej multe partopreni ĝin.
Per kelkaj vortoj mi volas akcenti la gazeton de la fakdelegitara reto de UEA, kiun pli vastigi, pli bonigi estas nia komuna tasko.

Fine mi nur povas akcenti al vi, ke ni ĉiuj, kiuj partoprenas la laboron de la komitato de UEA same kiel ĝis nun plene respektas, respektos eĉ gardos laŭ neŭtraleco ankaŭ sur tiuĉi laborterenon.

Bácskai.

## RAPORTO DE TERMINARA KOMISIONO

Dum la pasinta jaro, estis faritaj kelkaj taskoj, tre gravaj por la Federacio mem. Nome:
- en Svedio oni recenzadas terminojn sub literoj F kaj G;
- en Finlando oni ekspedis korespondfoliojn pri literoj J, K kaj L al s-ro Bengtsson kaj korespondfoliojn pri literoj F kaj G al s-ro Rebiĉek. En Jugoslavio oni recenzis la literon Q;

– en Hungario oni tradukis la tutan stokon de terminoj sub litero C, triono estas jam tratajpita, kaj la tutan materialon ili intencas pretigi ĝis la fino de la jaro 1975a, aŭ ĝis venonta kongreso.
– ni sukcesis ke literon D transprenis kolego Hartig kaj literon R kolego de Sutter. Ankoraŭ ne estas solvita traduko de terminoj sub litero S.

Rilate terminaretoj estas menciinde diri ke en Svedio oni preparas la terminareton por la sekvonta jaro. El Japanio venis informo ke ili kolektas la materialon kaj aranĝas la kajeron.
En Ĉeĥoslovakio oni planas en la jaro 1976 eldoni teknikan terminareton.
En Pollando kolego Nowomiejski pretigis 7 lingvan fervoj-turistan terminareton kun 318 terminoj.
Kolego Zupanić el Zagreb (Jugoslavio) faris tradukon de RIV kaj RIC, en Finlando estas tradukita unua kajero de TCV-tarifo.

I. Ladjević,
Sekretario de TK.

## KONGRESA REZOLUCIO

La 27-a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio, okazinta en Villach (Aŭstrio) kun 675 partoprenantoj el 20 landoj,

– konstatas, ke spite al nekontesteblaj komplikaĵoj ĝenerale kaj daŭre estas aplikataj en internaciaj konferencoj la ĝisnunaj konservativaj metodoj de lingva interkompreniĝo pri buŝa interpretado resp. traduko de skriba materialo,

– atentigas, ke ankaŭ la fervojaj kompanioj, fervojistaj sindikatoj kaj aliaj organizaĵoj de fervojistoj aplikas samajn metodojn, pro kio perdiĝas sennombraj laborhoroj kaj konsiderinde plialtiĝas la kostoj,

– akcentas, ke la uzado de nur malmultaj "laborlingvoj" krome signifas lingvan subpremadon de tiuj, kiuj ne regas tiajn lingvojn kiel gepatran lingvon, kio samtempe signifas plej fortajn malutilojn por la reprezentataj kompanioj aŭ organizaĵoj,

– opinias, ke fervojaj kompanioj, sindikatoj kaj aliaj organizaĵoj devus havi grandan intereson plej rapide forigi tiajn lingvajn nejustaĵojn kaj pro tio

– rekomendas, helpe de taŭga, longtempe praktike elprovita neŭtrala lingvo krei sur internacia nivelo la kondiĉojn por rektaj, samrajtaj, senkomplikaj lingvaj kontaktoj,

– proponas por tiu celo la internacian lingvon Esperanto, kiu plenumas ĉiujn kondiĉojn,

– deklaras, ke la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio pretas kunlabori por atingi tiun celon.

# IMPRESOJ PRI LA 27-a IFEF-KONGRESO EN VILLACH

Unu vorto de Prezidanto Giessner speciale frapis niajn orelojn kiam li fermis la kongreson: "tiu simpatia kongreso . . . ", li diris.
Certe vere simpatia estis ne nur la kongreso mem, sed ankaŭ tiu homoj kiuj dorlotis nin dum unu semajno, kaj ankaŭ la aŭstra tero en ĝia multkolora robo, la popolo mem, ĉiam afabla, kaj, fine, la vetero, kiu, post iom da hezito, decidis rideti al la esperantistoj.
Jes, simpatia estis tiu kongreso kiu grupigis 675 partoprenintojn el 20 landoj, kun 1 sola lingvo.
La filmo de la aranĝoj disvolviĝis glate kaj preskaŭ neatendite alvenis sabato, certe tro frue . . .
Ĉio komenciĝis vendrede 9/5: la gazetaran konferencon partoprenis reprezentantoj de diversaj lokaj gazetoj kaj de Radio ORF; sekvis artikoloj german- kaj esperantlingvaj. Certe bona propagando sed ni ne atendu miraklon.
Sabate 10a, la tradicia interkona vespero en la kongresejo, moderna kaj, tamen bela. Agrabla surprizo: la juna orkestro "Kvarteto Esperanto" el Trenĉin (ĈSSR) kiu ludas kaj kantas esperante.
Multe da bruo, da ĝojkrioj, da kisoj . . .
Oni sin retrovas post longa tempo . . .
Sed, venas dimanĉo, solena tago.
Unue Sankta Meso en Nikolai-preĝejo; bedaŭrinde, la LKK ne sukcesis aranĝi ekumenan diservon; anstataŭ tio estas katolika meso; tio estas regreso.
Poste, kvazaŭ la tuta kongresanaro grupiĝis por ĉeesti la Solenan Malfermon en la Granda salono de la kongresejo; muziko per la Fervojista Orkestro de Arnoldstein kaj alparoloj sinsekvis: S-roj Huber – LKK prezidanto, Zlatnar - UEA, Gilles - FISAIC, Bachler - aŭstriaj fervojoj, Resch - urbestro, Frühbauer - viclandestro, kaj la reprezentantoj de 20 landoj (inter kiuj estis Japanio kaj Kameruno).
Fine, la IFEF-Prezidanto Giessner malfermante la kongreson, skizis la kaŭzojn de la nunaj zorgoj de la Esperanto-movado; ĉe la unua rango troviĝas la maltrankvileco kiu nun regas sur la tuta mondo kaj ĝia fina konsekvenco: la ĝenerala ne-intereso al ĉio kio ne donas tujan materian profiton kaj eĉ postulas ian ajn mensan streĉadon.
Sed, la Prezidanto substrekas ke Esperanto estas pli ol amuzo aŭ libertempa ŝatokupo; ĝi estas ilo kontraŭ la ofte negativaj vivinfluoj; la esperantistoj estas avangardistoj por helpi en la ĝenerala progreso de la homaro.
Fine, li akcentas ke niaj kongresoj estas kvazaŭ modela miksaĵo el faka laboro kaj kulturaj aranĝoj; ili donas la fortojn por ke nia ĝenerala kaj faka afero vivu.
Post la "Espero" kaj la komuna fotografado en gaja malordo, finiĝis la ceremonio.
Posttagmeze, aŭtobusoj transportis la vojaĝ-soifantajn kongresanojn el la ĉarma valo de Villach ĝis la neĝo de la Villacha-alpo, per kurbiĝanta vojo.
Simpatia batalo per neĝo-buloj; ne nur la infanoj ŝatas amuziĝi . . .
Por kompletigi tiun plenplenan tagon, la folkloro de Karintio prezentita per la "Lustige Oberkartner" kaj agrable klarigita de Greta Gössl, mirigis ĉiujn per la riĉkoloraj dancoj kaj tipaj kantoj kaj muziko.
Antaŭ la komenco de la folklora distrado, la IFEF-Prezidanto nomigis la

iaman IFEF-prezidanton, s-ro de Jong kaj la antaŭan kasiston, s-ro Walder, honorajn membrojn de IFEF.
Li rememorigis la esperantistan "karieron" de s-ro Jong, kiu ankoraŭ nun, post tiom da jaroj da laboro, daŭre aktivas en sia lando, gvidas kursojn kaj faras prelegojn.
Antaŭ 6 jaroj, s-ro de Jong ricevis la oran medalon de FISAIC; s-ro Walder ricevis ĝin lastan jaron en Tarragona.
Tuj poste, s-ino Elfriede Kruse, nia konata IFEF-sekretariino, estis honorigata de la Ora Medalo de FISAIC kaj ŝi ricevis tre meritajn laŭdojn de d-ro Gilles, reprezentanto de FISAIC, kiu akcentis ke ŝi meritas centprocente la plej altan honorigon flanke de FISAIC.
S-ino Kruse, unu el la plej elstaraj personoj inter la gvidantoj, kontribuas en plej valora maniero al la realigo de la celoj de la movado, ankaŭ de tiuj de FISAIC.



S-ro Giessner, siavice, substrekis la agadon de s-ino Kruse, agado kiu estas tiom ampleksa, tiom evidenta kaj efika ke apenaŭ ekzistas homoj en nia federacio kiuj tion ne scias.
Sed, . . . ek al la laboro, jam lunde 12, por la komitatanoj kaj la estraranoj.
Poste kunsidis 1-a fakprelega komisiono, kies Prezidanto raportis pri la agado inter la 2 kongresoj de Tarragona kaj Villach. Ĉeestis 11 personoj el 5 landoj.
Sed, vespere, alfluis denove la babilantaj gekongresanoj ĉe la kongresejo, kie akceptis nin oficiale s-ro urbestro.
Salutoj, donacoj reciprokaj en iom brua etoso kaj . . . tuj al la tabloj superŝutitaj de sennombraj sandviĉoj, kolbasetoj, kukoj kaj bonaj trinkaĵoj . . .
Ĉar ĉio estis abundega kaj bonega, longtempe daŭris la konversacioj, despli ke tuj poste komenciĝis la internacia balo kun nia jam konata kvarteto.
Post mallonga nokto, aŭ eĉ sen nokta ripozo por kelkaj, mardo 13a aperis kaj alportis:

- unue, kunsido de la terminara komisiono kun 16 personoj el 12 landoj;
- due, la kunsido de la junularo kiu pritraktis siajn proprajn problemojn.
- trie, la fakprelego, bone prezentita de Dipl. Ing. Tschom, kun temo: "Aŭtomobil-transportado tra la fervoj-tunelo inter Salzburg kaj Karintio". Kontentiga partopreno de 300 personoj, el kiuj pluraj faris demandojn pri la prelego.
- kvare, la oratora konkuro, kun belaj premioj por la plej kleraj parolemuloj.
- kvine, filmoj pri la Linza kaj la internacia skisemajnoj, pri Tarragona, pri Villach kaj pri Svedio, la venonta kongreslando.

Entute serioza tago, sed la griza ĉielo instigis ĉiujn partopreni tiun riĉenhavan programon.
Jam merkredo 14a, la duono de la kongreso.
Matene, la kutimaj laboremuloj facile rekoneblaj per iliaj pezaj dosieroj kaj gravaj mienoj kuniĝas en la salono.
Ĉar estas publika kunsido, venis ankaŭ interesuloj . . . ne tro multaj tamen, ĉar la ĉielo denove estis blua.
Pri ĉiuj diskutoj vi legu la apartan protokolon.
Sed, posttagmeze, neniu (supozeble) maltrafis la ekskurson al tiu stranga angulo de Eŭropo: la Trilanda Angulo kie renkontiĝas ne nur 3 landoj sed ankaŭ 3 klerecoj. Malfacile atingebla anguleto. Kruda vojo, rapida lifto en kiu iuj malfortaj kapoj eble turniĝis pro la alteco, iom da fulmo-tondro, grimpado ĝis . . . kiam la koto malebligis iri pluen kaj fine . . . la jugoslavaj soldatoj kiuj ŝajne atendis invadon de la esperanta Armeo.
Revenante al Arnoldstein, ĉarma urbeto ĉe la piedo de la montaro, la longa karavano de la grimpantaj IFEF-anoj ĉeestis la kortuŝan ceremonion de la inaŭguro de la strato "Esperanto", laŭ iniciato de amiko Stuppnig, kun la ĉeesto de la urbestro, s-ro Wertitsch, kaj de la muzikistaro en tipa vestaĵo.
Donaco prezentita de la IFEF-Prezidanto al la urbestro, plantado de arbo kaj fine, simpatia invito al la estraro, komitato kaj LKK, fare de la urbestro.
Tiel finiĝis tiu memorinda tago en Arnoldstein . . . Reveninte al Villach, estis ĝusta tempo por ĉeesti la forumon kiu daŭris 2 horojn kun partopreno de 90 personoj.
Sed denove seriozaj kunvenoj alvokas ĉiujn kaj, ĵaude 15an, la plenkunsido alportis al tiuj kiuj interesiĝas pri la movado, la okazon ricevi ĉiujn informojn. Pri tio, vi legu aliparte.
Posttagmeze, la Sinjorinoj havis specialan favoron (eble ĉar 1975 estas la jaro de la virinoj) kaj ĝuis agrablan veturadon per aŭtobuso en la ĉirkaŭaĵo de Villach kaj al lago Faak.
Kelkaj el ili retrovis la spektantojn de la piedpilko kiu okazis, kiel kutime, en gaja etoso. Tiun jaron, la "kontraŭuloj" de la IFEF-teamo estis la "Fervojista Banko Sparda" — Kvankam la rezulto malfavoris niajn IFEF-anojn (3—6), ili vere meritis aplaŭdojn.
Vespere, la junuloj ankoraŭ sin montris agemaj kaj prezentis spektaklon: amuzan skeĉon kiu sprite imitis diversajn aspektojn de Radio-elsendo.
Krome, la ĉeĥa kvarteto ludis, por instigi ĉiujn al la danco.
. . . Kaj preskaŭ neatendite, jam alvenis la lastan tagon, vendredon 16/5 . .
Frue matene, amasiĝis ĉe la stacidomo la kongresanoj kiuj ne volis maltrafi la specialan vagonaron, akompanata de tipaj junaj dancistoj, la trajno kondukis nin al Velden, kie, inter la floroj, preskaŭ subite aperis la blua lago de Wörth; vere idiliaj pejzaĝoj, kun tiom da trankvileco kaj beleco . . .
Eĉ tro rapide pasis la ŝipveturado sur la lago kaj ni alvenis tra ĝardenoj al Klagenfurt, aŭ pli ĝuste, al Minimundus, la mondo de la miniaturo, kie kelkaj el la plej famaj monumentoj de la mondo estis rekonstruitaj . . . por la pigmeoj.
Ĵus antaŭ la vizito, la simpatia (ankaŭ) urbestro de Klagenfurt, s-ro Guggenberger, alparolis la kongresanojn, parte en Esperanto.
La vizito de Monimundus verŝajne soifigis la IFEF-karavanon, kiu post kelka minuta veturado, tre vigle okupis la

la tablojn de la "Messehalle", grandega halo kie okazis la fino de la kongreso.
Bongusta manĝaĵo kaj muziko de nia fidela ĉeĥa kvarteto . . .
Kaj venis la iom emociiganta momento kiam nia IFEF prezidanto laŭdis la organizantojn kaj fermis la kongreson.
Transdono de la verda flago de Aŭstrio al Svedio (bonan kuraĝon! ), honoro al la veteranoj (s-roj Hervouet, Lok kaj Poly) . . . , baldaŭ ĉiuj komencas disiĝi, kun iom da bedaŭro sed kun multe da belaj rememoraĵoj.
Jes, ni travivis tre simpatian kongreson.
Dankon, karaj aŭstriaj geamikoj . . .

la redaktoro.

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

## ADMINISTRAJ INFORMOJ

### FERVOJISTA KORESPONDA SERVO – F.K.S.

Ĝeneralaĵoj:

Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi. La FKS disponas pri nenia financa subvencio.
Ĉiu persono (ankaŭ NE fervojist-in-o) kiu deziras korespondi kaj ricevi adreson de FKS devos aldoni internacian respondkuponon aŭ samvalorajn francajn poŝtmarkojn por ĉiu petata korespondanto.
FKS ne povas rekte respondi al la petantoj kiuj ne aldonas la ĉi-supre menciitajn internaciajn respondkuponojn aŭ samvaloraĵojn.
Ĉie en la mondo atendas vin amikeco, bonvolu amase enskribiĝi en la sliparo de FKS.

Adreso:

F.K.S. s-ro A. GIOVENAL
76, rue Bataille 69008 LYON (Francio)

(La FKS funkcios ek de oktobro.)

---

### A L I Ĝ I L O

Nomo, antaŭnomo, adreso, aĝo, s-ro, s-ino ..........................................

..........................................................................................

deziras korespondi kun kiuj landoj ..........................................

kiuj temoj ..........................................................................

La subskribint-in-o certigas respondi al ĉiuj korespondpetoj transdonitaj de FKS, almenaŭ unu foje.

.................. aldonitaj respondkuponoj aŭ francaj p.m.

subskribo.

---

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## HISPANIO

Esperanto-edziĝfesto en Hispanio!
Nia hispana amiko

**ENRIKO PEREZ ESZEREZ**
**el Madrid**

edziĝis la 24an de aprilo. La nuptoceremonio okazis en Esperanto. Al li kaj al lia edzino Nievers ni tutkore gratulas kaj deziras al ambaŭ longdaŭran harmonian kunvivadon.

## DANIO

Inter la multaj fakaj kunvenoj okazontaj dum kaj lige al la Universalaj Kongresoj de Esperanto, ankaŭ ĉijare dum la jubilea (60-a) UK okazos FERVOJISTA TAGO kun proksimume jena programo:

Kolektiĝo en kongresejo je 09.30. Transporto al **Varterminalo de Kopenhago** (Bernstorffsgade 50). Prelego kun filmo kaj diapozitivoj pri Vartransporto ĉe DSB (Danaj Ŝtatfervojoj), precipe pecaĵtransporto — antaŭe, nun kaj estonte. Lunĉo. Rigardo de moderna varterminalo Fino proks. je 16.00.
Nombro de partoprenantoj estas limigita je 50 personoj. Tial estas rekomendinde antaŭe mendi biletojn ĉe Henning Hauge, Eranthisvej 16, DK-9800 HJØRRING. La bileto, kiu inkluzivas lunĉon, kostas 25 d.kr.

## JARKUNVENOJ

Notu bone la datojn de la jarkunvenoj de:

F.F.E.A. : 20/21-9-75 en Epernay (Francio).

B.E.F.A. kaj **F.E.R.N.** komune 13/14-9-75 en Maastricht (Nederlando).

G.E.F.A. : 11/12-10-75 en Treuchtlingen (Germanio) (Inter Nürnberg kaj München)

# NEKROLOGOJ

## GERMANIO

La 13an de Februaro mortis en sia 82a vivojaro nia ŝatata samideano Wilhelm **BECKER**, membro de la grupo de KASSEL.

Li ripozu en paco.

## SVEDIO

Nia sveda membro

Gösta **BOLANDER**, el Nybro
naskita la 3.9.1899
mortis antaŭ du monatoj. Tute neatendite li forlasis siajn amikojn. Ni funebras kun la sveda asocio kaj konservos bonan memoron al Gösta Bolander.

**La redaktofino por la venonta IF estas 25.7.1975.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.